10ª Jaro No. 99. Oktobro 1913.



Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(Joh., X, 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## R. I. P.

## Pastro AUSTIN RICHARDSON. †

La administranto kaj redaktoro de E. K. sciigis jam al la legantoj de E. K. per funebra poŝtkarto la gravan baton, kiu trafis la Esperantistaron kaj precipe la I. K. U. E. - anojn. Unu el la plej meritplenaj kaj amataj Esperantistoj, la ĉefo de la Katolikaj Esperantistoj, la Prezidanto de I. K. U. E. de post ĝia starigo, la religia direktoro de E. K. kaj profesoro en la Instituto St. Louis en Bruxelles, subite estas mortinta en Bossey apud Genève (Svisujo), ekvojaĝante al la IX Universala Kongreso de Esperanto en Bern kaj al la IV Internacia Kongreso de Katolikoj Esperantistaj.

La tuta Esperantistaro funebras. Ni ricevis amason da kondolencaj leteroj de katolikaj kaj de ne-katolikaj Esperantistoj kaj dum la diversaj kongresoj kaj en la gazetaro oni legas, krom laŭdo, ŝato, danko, respekto kaj amo, pri profunda malĝojo kaj funebro en ĉiuj rangoj Esperantistaj. Al ĉiuj nian koran dankon!

Efektive li plene meritas tion ĉion. Li estis vere la plej nobla kaj sincera kaj esperantismema samideano. Kaj pro tio li en tuta Esperantujo ĉiam kaj plene estis respektita

kaj honorita, sed pro tio ankaŭ nur la malamikoj de Esperanto, konante lian gravan influon kaj nepran fidelecon, malpli afable kontraŭstaris lin. Lia merito kiel bonega Esperantisto per tio nur pligrandiĝas.

La legantoj de E. K. kortuŝite legos suban sciigon pri la lastaj tagoj sur tero de nia pia kaj sankta Patro. Tiun sciigon donis al mi la konata Samideanino S-ino MILSOM („Ramo") en Svisujo, kies gasto P-ro RICHARDSON estis. Ŝi estas unu el la 200 spiritaj infanoj de la kara mortinto kaj ŝi skribis al mi (ŝi pardonu al mi tiun ĉi malkonfidencieton): „Lia perdo estas por ni tre doloriga. La bona Patro donis al mi la plej veran ĝojon en mia vivo: mia ricevigo en la Katolika Eklezio".

Jen ŝiaj komunikoj pri la lastaj tagoj de nia Prezidinto:

**„Pastro Richardson.**

„Kelkaj tagoj jam pasis, de kiam nia kara, respektinda Abato RICHARDSON iris al Dio.

„Kun doloro, sed ankaŭ kun ĝojo ni rememoras la lastajn dolĉajn horojn travivitajn kun nia Patro, kiu enkondukis en la Eklezion — en la feliĉon, — tiel multajn animojn.

„Ĝis la fino li laboris, kun mirinda agemeco, pri Esperanto, organizante la kongresajn kunvenojn.

„Lin ankaŭ multe okupis la zorgo pri liaj spiritaj infanoj pri kies progresado li tutkore laboris. Parton de sia tempo li dediĉis al la studado de aktualaj demandoj religiaj, kiuj profunde interesis lian delikatan, sagacan intelekton.

„Sed lian tutan laboron trapenetris spirito de arda karitato. Lia larĝa, tolerema animo akceptis kun gracia dolĉeco eĉ la plej deciditan kontraŭulon; sed samtempe, eĉ al amiko li firme, sed karitplene rezistis, se ĝin postulis fideleco al la katolika kredo aŭ disciplino.

Regulo de lia vivo ŝajnis esti:

In necessariis unitas,
In dubiis libertas,
In omnibus caritas.

„La lastan tagon, li pasigis en nia kvieta vilaĝo. Frue li diris la meson kaj ni havis la feliĉon ricevi de liaj manoj la Sanktan Komunion.

„Tre vigle, ageme, li laboris dum la mateno. Posttagmeze, ni organizis la farotaĵojn kaj la planojn de la vojaĝo al Berno. La Ligo de l' Evangelio estis unu el liaj lastaj pensoj.

„Vespere, kelkaj paroĥanoj vizitis lin, kaj longtempe, kvazaŭ en ekstazo, li diris al ili pri la feliĉo de l' Ĉielo...

„Tiun saman nokton, subita sufokatako en kelkaj minutoj finis tiun noblan vivon, tute dediĉitan al la servado de Dio kaj de la proksimulo.

RAMO".

Ĉu ni ne prave povas esperi, ke la kara mortinto jam ricevis de Dio la eternan rekompencon? Tamen laŭ katolika kutimo ni ne ĉesu preĝi por la ripozo de lia animo.

Por I. K. U. E. la *subita* perdo de ĝia Nestoro estas plej grava. Li ne povis precizigi al ni siajn lastajn dezirojn. Tamen ni ĉiuj scias liajn ideojn per liaj multaj predikoj, artikoloj kaj leteroj. Mi scias, ke li ĉiam tre bedaŭris, ke li ne sukcesis forigi la plej lamigajn mankojn en I.K.U.E. En Romo li intencis konigi sian lastan volon, ĉar li sciis, ke li ne plu longe povos vivi inter ni.... La Volo de Dio estu benita! Jen lia aksiomo, kiun ankaŭ ni pie kaj submetiĝe nun parolu.... Sed kiom trankvile kaj kviete ni antaŭe povis dormeti en nia agado por I.K.U.E., ĉar ni fidis je li, kiu ĉiam maldormis kaj laboris por ni — tiom maltrankvilige estas nia nuna situacio.

Mi opinias, ke mi ne pli bone povas ĝin priskribi ol per la vortoj, kiujn mi diris en la malferma konsido de nia IV-a kongreso en Romo. Tie mi, kiel oficiala delegito de „Nederlanda Katoliko", parolis i. a. jene:

„Kiam nu por *ĉiu* Katoliko estas granda ĝojo iri al la bluaĉiela Italujo, kie floras la oranĝarboj, sed precipe iri al tiu Romo, kie loĝas la Anstataŭanto de nia Dia Savinto, kiam, mi diris, por ĉiu ajn Katoliko tio estas granda ĝojo — mi sentas malĝojon je la penso, ke la plej nobla Katolika Samideano, nia kara Prezidinto de I. K. U. E., P-ro Richardson, ne povas en tiu ĉi momento ĝui kun ni tiun ĝojon. Li, kiu tiel pie kutimis paroli kaj korespondi pri la

Sankta Seĝo kaj pri la „*Cathedra Petri*", li, kies lasta revo estis, al piedoj de la Sankta Patro meti sian noblan koron kiel puran oferaĵon, li, jam sur vojo al la urbo de la Papoj, subite estis vokita de la ĉiela Patro al la dia Jeruzalemo....

„Kia perdo por ni, orfoj sen tiu nobla kaj pia patro! Kia malĝojo por ni sen tiu fidela kaj aminda amiko kaj frato.... Ho, kiom mi iam eraris, pensante ke ja *mi* estis lia plej intima amiko! Sed ĉiuj, kiuj interrilatis kun li, eraris same: ĉar li estis samtempe por ĉiuj senescepte la plej intima amiko, la plej bona patro. Kia perdo por ni ĉiuj! Memoru nur: kiam inter ni minacis malkonkordo, tiam sufiĉis unu vorto de nia pacamanta prezidanto, kaj ĉiuj denove interkonsentis kaj interkonkordis. Kia perdo por nia internacia katolika movado. Li estis la animo de nia movado, al kiu ĉiuj sin turnis, kiel la varmon kaj lumon soifantaj floroj sin turnas al la bonfaranta suno. Kaj jen la solvo de la enigmo, ke la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, la I. K. U. E., povis ekzisti kaj vivi sen efektiva organizado. *Li sola* reprezentis la organizon de nia I. K. U. E. Li estis la centro, de kiu ĉio deiris, al kiu ĉio revenis. Ni ne riskis entrepreni ion, sen lia saĝa konsilo, sen lia prudenta aprobo.

„Ni nun subite estas kvazaŭ ne organizitaj, kvazaŭ ne kunligitaj pecoj, ĉar li estis la sola ligilo, kiu nin dolĉe kunligis en unu tuto.

„Kara patro nin forlasinta! Senlaca laboranto por nia kara afero, dankon, dankon por ĉio, kion Vi por ni faris. Ni ĉiam memoros vin. Ni konservos kiel grandvaloran heredaĵon, postlasitan al ni, la fratan amon, la interkonkordon; la fervorecon por nia kara afero; la sendiskutan submetiĝon al la Ekleziaj Aŭtoritatuloj, kiujn la Sankta Spirito oficdonis, por estri la Eklezion de Dio; ni konservos la piecon kaj purecon de nia movado. Kaj perdinte Vin, la centron kaj animon de I. K. U. E., ni devas anstataŭi Vin inde, kaj ĉar Via persono kvazaŭ prezentis la organizon de I. K. U. E., ni havas nun la gravan devon organizi nian movadon, ĉar en malordo kuŝas ruino kaj pereo. Por Vin honorigi en Via I. K. U. E., ni nun devas

penadi, por ke, baldaŭ organizita, I. K. U. E. povu daŭre vivi kaj evolucii...."

D-ro SMULDERS.

---

## LA ORFIĜINTA I. K. U. E.

---

I. K. U. E. perdis sian kreinton kaj patron, sian gloron kaj forton, sian ĉarmon kaj allogon. I. K. U. E. nun similas al ne-plenkreskulo, kiu post la subita perdo de siaj gepatroj estas devigita, sen ilia plua apogo kaj konsilo, trovi mem sian vivvojon, gajni mem sian propran panon.

Kiom zorgema ofte estis la bedaŭrata Patro pri sia kara I. K. U. E. Li sciis kaj plendis ofte, ke al li mankas la fortojn por konduki ĝin en la vojon de ordo kaj prospero, de kiu ĝi foreraris pro juneca vagemo. Ho jes, la juna I. K. U. E. estis tiel bonkora, tiel bonsenta, tiel multe promesanta por la estonto; pro amo al sia maljuna patro ĝi detenis sin de malbonaĵoj; sed lia troa boneco kaj modesteco precise estas la kaŭzo, pro kio ĝi ne ankoraŭ eniris en la de li montritan vojon: la troa boneco de lia koro evitis tro laŭtan voĉon, tro severan admonon, tro insistan peton; la troa modesteco de lia animo malpermesis al li altrudi lian opinion kaj deziron. Kaj la gajuleto I. K. U. E. iris libere sian vojon, nur klopodante por ne kaŭzi intence al li malagrablaĵojn, kaj de tempo al tempo ĝojigante lian koron per bona konduto kaj bona faraĵo.

Sed nun subite lasita al si mem, ĝi sentas memriproĉojn, ĝi sentas bedaŭrojn pro tio, ke ĝi ne uzis la tempon dum la vivo de patro, por instruigi sin pri serioza laboro kaj memstareco. —

Sed ni lasu la metaferojn kaj ni reiru al la realeco. Ĉu ni daŭrigos nian nunan agmanieron nun, kiam, post foriro de nia Prezidanto, ni mem devas daŭrigi lian laboron kaj certigi daŭran kaj ordigitan ekzistadon al lia I. K. U. E.?

Kaj mi — mi serioze pripensadis, kion fari. Kion diri en la E. K.-numero, elironta post lia morto? Mi severe petis min, ĉu ni devos silenti, kiel ĝis nun, pri la mankoj

kaj malordoj kaj senfruktecoj de nia I. K. U. E? Post longa pripenso, mi diris al mi mem: NE! Ĉu la malkontenteco, kiu regas inter ni pro la malbona situacio de nia I.K.U.E. povas esti sufokita? Neeble! Oni silentis pro respekto kaj amo al la kara mortinto, oni ne volis malĝojigi liajn lastajn tagojn. Kaj pro tio oni silentis — ho ve! per tio oni mortiĝis por I. K. U. E. Oni ankaŭ ne plu kunlaboris, donante siajn laborojn al aliaj aferoj. Kaj precise la pioniroj, la gravaj personoj, la influaj pastroj kaj laikoj, ne trovante seriozan laboron kaj fruktodonajn agadojn ĉe I. K. U. E., lasis ĝin al ĝi mem, kiel plenkreskuloj lasas la ludojn al la junuloj.

Ne estas eble, ne priparoli nian nunan danĝeran situacion. Kaj eĉ, se sukcesus, silenti kaj silentigi kelkan tempon, — iun tagon la per elektro ŝarĝita aero devas sin deŝarĝi kaj la fulmotondro eble okazos antaŭ aŭ dum „Nia Kvina", kiu precise devas esti la loko, el kiu nia I. K. U. E. devas eliri renovigita kaj revivigita; sed pro tio estas necese, ke tiam la vetero estu serena kaj bela kaj ke ni antaŭe prilaboru la kampon kaj semu, por rikolti la fruktojn dum „Nia Kvina."

Kiam ni nur bone prezentas al ni la ideojn kaj dezirojn de P-ro RICHARDSON, kiujn ni trovas en liaj verkoj kaj leteroj; liajn idealojn kaj atendojn, pri kiuj li tiel elokvente paroladis; kiam ni nur ne forgesu, spite niaj interdiskutoj, lian amon por frateco kaj konkordo; kiam ni, kiel li, nur intencas la bonsukceson de nia sankta afero; kiam ni, kiel li, neniam altrudas niajn ideojn al aliaj, sed, post serioza interŝanĝo de ideoj, submetas nin al ordo kaj disciplino; al la deziro de la plimulto — tiam ni donos nian Richardson al I. K. U. E., post kiam ĝi lin perdis; tiam li vivos en ĝi, post kiam li mortis.

Mi nun petas ĉiujn, precipe la influajn kaj gravajn personojn, kiuj iam kunlaboris kun ni, sed kiuj nin lasis al ni mem kaj tute silentis de post pli mallonga aŭ pli longa tempo — ĉiujn mi petas, ke ili denove bonvolu kunlabori. *E. K. estas malfermita al ĉiuj kaj tute senpartie donos lokon al ĉiuj opinioj.* Kiu havas plendojn, kiu volas kritiki

— por konstrui, ne por malkonstrui — li parolu, li estas bonvena. Sed neniu, kiu estas malkontenta pri I. K. U. E. silentu nun, por postuli la parolon poste, kiam E. K. jam estos ferminta ĝiajn paĝojn por tio, post kiam ĝi donis al ĉiuj la okazon por eldiri ĉion, kio pezas sur la koro.

Mallonge jen mia opinio: Estas necese, ke organizo kaj preparo de „Nia Kvina" en Lourdes komencu tuj per starigo de agema *loka Organiza Komitato* kaj de sperta kaj laborema *Kongreskomitato.* — Dum „Nia Kvina" la reorganizado de nia movado devas esti decidita precis-maniere en formo de definitiva *regularo de I. K. U. E.*, kiu estas necesega; tiu afero devas esti preparita kaj diskutita tute *antaŭ* la kongreso. — Kaj, ĉar la nuna Ĉefestraro de I.K. U.E. estas elektita nur por unu jaro, oni devas bone pripensi la plej bonan solvon de *elekto de definitiva Estraro.*

Jen, grava laboro nin atendas. De „Nia Kvina" dependas ĉu I. K. U. E. perdiĝos en supraĵa kaj senvalora movado, aŭ ĉu ĝi ekstariĝos kiel komenco de serioza kaj praktika organizaĵo de agemaj Katolikoj de la tuta mondo; organizaĵo, kiu efektive servas la interesojn de la Katolikismo.

D-ro SMULDERS.

---

# Internacia Pilgrimo Katolika
kaj
# IV-a Internacia Kongreso de la Katolikaj Esperantistoj.
4—10 Septembro 1913 en Romo.

---

Tre rimarkindaj por nia Internacia Katolika Movado estas la 3 ĝis 10 Septembro de tiu-ĉi jaro, en kiu por la unua fojo *internacia* katolikareto, kvazaŭ unu intima grupo pro sia unu familia lingvo Esperanto, pilgrimis al Romo. Sonis nia belsona lingvo tra la stratoj de Romo, sonis niaj Esperantaj kantoj en la Vatikano antaŭ nia Sankta Patro PIO X-a kaj meze de miloj de niaj samreligianoj, fremdaj al ni pro ilia lingvo.

Esperantista vojaĝo al Romo ne povus esti malsukceso; je ĉiu paŝo oni trovas sanktejojn kaj rimarkindaĵojn kaj ne estas urbo komparebla je Romo, ne ekzistas urbo tiel grava kaj simpatia por Katoliko kiel ĝi. Tre faciligis la aranĝojn tio, ke ĉiuj kongresanoj loĝis en unu sama hotelo kaj ke ekzistas agentejoj en Romo, kies agentoj kutimas konduki pilgrimojn kaj vizitantojn tra la urbo. Tio iom anstataŭigis la neceson de loka organiza komitato, kiu en ĉiu alia kongreso aranĝas la aferojn. En Romo, kie — kiel en tuta Italujo — Esperanto estas ankoraŭ tre malmulte disvastigita, ni ne havis lokajn katolikajn Esperantistojn helpantajn, kaj ankaŭ la Kongreskomitato ne akceptis la helpon de Italaj Katolikaj I. K. U. E.-anoj ne loĝantaj en Romo. Tiel S-ro COLAS aranĝis nian Pilgrimon kaj Kongreson de el Parizo, kaj nur kelkajn tagojn, en Februaro kaj antaŭ la Kongreso, li estis en Romo por prepari la aferojn kaj bonvenigi la alvenintajn kongresanojn.

*Laŭ cirkonstancoj* la Pilgrimo kaj Kongreso bone sukcesis. Kaj ni jam rimarkis, ke Roma vojaĝo preskaŭ ne povas malsukcesi, ĉar la katolikaj ĝuadoj estas tiel puraj kaj grandaj, ke oni volonte forgesas kelkajn mankojn kaj disreviĝojn.

Mi memoru ankaŭ, ke la prezo de la sestaga vivado en hotelo kaj de la ekskursoj estis ekstreme malalta. Pro tio oni ne rajtis postuli „Lukulajn" manĝaĵojn. La hotelestro kaj liaj gehelpantoj estis tre afablaj kaj honestaj, tiel ke ni povas rekomendi al ĉiuj nian hotelon DINESEN.

---

## NIA PILGRIMO

estas la plej bone sukcesinta parto de nia vojaĝo al Romo. Mi unualoke priparolu **nian Aŭdiencon** ĉe la Sankta Patro PIO X, donita al ni, kiel kutime, en la „Damasa Korto" de la Vatikano. Jen ni aklamis nian grandan Papon, la Ĉefon de la Sankta Eklezio kaj la Anstataŭanto de Jezu-Kristo. Ni estis 80, starante meze de ĉirkaŭ 3000 pilgrimantoj. Tondraj aklamoj resonis, kaj la Sankta Patro ridetante aŭskultis la kriojn de amo kaj fidelo de siaj infanoj. Kiel ondegoj ĉiam denove suprenleviĝis la ĝojegaj krioj de la amaso, ne ĉesis la entuziasmaj aplaŭdoj, ĝis kiam la Sankta Patro donis signon kaj ĉiuj silente surgenuiĝis kaj ricevis la Apostolan Benon por si kaj por la siaj. Tuj poste *laŭ speciala permeso konsentita al ni Esperantistoj*, la Vatikana Orkestro eksonigis nian himnon „Ni volas Dion", kaj ni, kun duoble fortaj voĉoj kantis tiun himnon fiere kaj entuziasme, meze de 3000 diverslingvaj pilgrimantoj. Kia feliĉo en niaj koroj — forgesitaj estis la longa, laciga vojaĝo, la premanta varmego de Romo . . . ĉio ajn ŝanĝiĝis en pura, sankta, vera ĝojeco, kies memoro heligos niajn plej malhelajn tagojn en la estonto. Finiĝis nia himno, silentis la orkestro, denove tondris la aklamoj de la amaso, kaj . . . . jen foriris tiu respekteginda Maljunulo je aspekto plej sana, je teniĝo plej imponanta, je vizaĝo elspiranta bonecon kaj sanktecon . . . malaperis la blanka figuro de el niaj okuloj, sed gravurita en nia memoro je eterne!

Kaj ankaŭ ni foriris, malrapide, rakontante unu al alia sian feliĉon kaj ĝojon. Vidante S-ron COLAS, mi preskaŭ ĉirkaŭbrakis lin: ĉu ne li sola aranĝis tion ĉion? Mi ne precize memoras, kiajn malsaĝaĵojn ni interbabilis pro entuziasmo, nur mi scias ankoraŭ, ke mi volis lin kanonigi

tuj, ekkriante: „Amiko COLAS, vi efektive povas fari miraklojn!”

Estas nedubeble, ke ni samtempe faris grandan propagandon inter la amaso en la Vatikano per nia kantado en Esperanto; la *Corriere d'Italia* enhavis detalan artikolon pri nia aŭdienco kaj kantado. Ankaŭ per niaj ekskursoj al preĝejoj kaj vidindaĵoj ni faris bonegan propagandon en Romo, ĉar ĉiuj niaj veturiloj estis ornamitaj per Esperantaj flagetoj. Ĉiu dumvoje rimarkis ilin kaj petis klarigojn.

Mi ankoraŭ menciu nian pian viziton al la **Katakomboj** kie nia Prezidanto P-ro PARKER diris la S. Meson, dum kiu ni kantis kaj komunikiĝis, kaj la Franciskana P-ro MODESTO CAROLFI O.F.M. predikis. Estis kortuŝa ceremonio en tiu loko, kie iam unuanime kunvenis la unuaj Kristanoj, kaj kie la martiroj ripozis en paco.

Je memoro de nia kara Prezidinto RICHARDSON okazis solena **funebra Meso** kantita. Funebra prediko estis dirita de P-ro BIANCHINI.

Ĉar **E. K. donos poste specialan raporton pri la Romaj ekskursoj,** promesitan al ni de D-ro LEHNER (St. Gallen, Svisujo), mi, ja nevolonte, finas tiun-ĉi ĉapitron.

---

## LA KONGRESO. („Nia Kvara”).

La kongreso estas la malplej sukcesa parto de nia vojaĝo al Romo. Mi ripetas: *laŭ cirkonstancoj* ĝi sukcesis je certa grado, sed *tia* kongreso donas neniun profiton al nia I.K.U.E.-movado — eĉ, se ĝi estus tenita, *tia*, en aliaj pli favoraj cirkonstancoj, ĝi estus rekte malprofita.

Oni ne forgesu, ke mi, tiel parolante, nur pripensas la bonsukceson de nia movado, kiu eniris nekontraŭdireble epokon de dekadenco; kaj mi tute ne intencas ofendi personojn, kiuj, kiel S-ro COLAS, faris ĉion, kion ili povis, por *dumkongrese* sukcesigi nian restadon en Romo. La Romaj Pilgrimo kaj Kongreso dependis tute de *unu* persono, kaj tiu ĉi loĝas malproksime de la kongresurbo. Estas neeble, ke tiu unu persono faru la laborojn de loka organiza komitato, de kongreskomitato, k. t. p., al kiuj partoprenas ordinare diversaj personoj, kiuj havas ĉiu

sian specialan taskon plenumotan, kaj kiuj *longe antaŭ la kongreso* povas ĉion prepari kaj konigi la definitivajn aranĝojn al la kongresontoj. — Pro timo, ke la ne sufiĉa organizo de niaj kongresoj tia, kia ĝi estis en Budapest kaj en Romo, fariĝu kutimo, pro tio mi tiuĉiloke petegas, ke „Nia Kvina" en *Lourdes* estu almenaŭ tiel bone organizita kiel ekzemple „Nia Dua" en Hago: jam *du monatojn antaŭe* ĉio (komitatoj, prezaro, horaro, tagordoj de kunvenoj, eĉ resumoj de la paroladoj farotaj kaj tekstoj de la dezir-esprimoj voĉdonotaj, ekskursoj k. t. p.) estis sciigitaj en niaj Kat. Esp. gazetoj „Nederlanda Katoliko", „Espero Katolika" k. t. p.; kaj du monatojn poste precise laŭ tiu programo la kongreso okazis. Tio ne estis ebla en Romo pro la cirkonstancoj, sed tio estonte denove devas esti farata. Se ne, niaj kongresoj fariĝos ĉiam pli kaj pli sen-interesaj kaj malgravaj kaj fine estos simplaj ekskursoj de internaciaj turistoj, kiuj intertempe por ripozi babilas kune pri io ajn.

*Dum la kongrestagoj* S-ro COLAS efektive laboregis. Li ne volis ripozi. Li faris, kion li nur povis. En la ferma kunsido li ricevis merititan dankon por siaj klopodoj kaj laboroj. Ni dependis de li sola; feliĉe li ne malsaniĝis pro trolaboro, kvankam lia voĉo ĉiam pli kaj pli komencis mal-aperi, ĝis kiam li je la fino de la kongreso estis senvoĉa. —

Ĉi sube sekvas la raporto de la laborkunsidoj, farita dumkongrese de S-ro A. MILSOM. Mi tre bedaŭras, ke ĝi ne estas plena, kaj ke mi devas komenci per protesto.

D-ro SMULDERS.

---

## OFICIALA RAPORTO
## de la Laboraj Kunsidoj de „Nia Kvara".

---

*Antaŭrimarko kaj Protesto.* La Redakcio de E. K. kaj ĝiaj Legantoj bedaŭrinde ne ricevis la oficialan raporton de „Nia Tria" en Budapesto. Tamen E. K. rajtas ricevi ĝin; ĝi estas la oficiala organo de I. K. U. E., kaj niaj kongresoj estas kongresoj de I. K. U. E. Ĉiuj klopodoj faritaj de mi malsukcesis. Nun, unu jaron post „Nia Tria", ni ne ankoraŭ scias, kio estis priparolata en Budapest!

Por garantii al niaj legantoj la Of. Rap. de „Nia Kvara" en Romo, mi jam antaŭ kelkaj monatoj korespondis pri tio kun P-ro RICHARDSON. Mi petis lin, ke li, kiel prezidanto de la kongres-komitato, nomu iun raportiston de „Nia Kvara" por verki dumkongrese raporton por E. K., samtempe por plifaciligi la taskon de la kongressekretario COLAS. Post kelka tempo P-ro Richardson skribis al mi, ke li trovis taŭgan raportiston, nome S-ron A. MILSOM, kiu deklaris sin preta.

Efektive S-ro MILSOM (kaj krom li ankaŭ lia frato) verkis dumkongrese la raporton de la laborkunsidoj. Ĉar du personoj raportis, mi mem ne verkis notojn.

Dum la kongreso S-ro COLAS, la kongressekretario, donis tiujn pretajn raportojn de la kunsidoj al ĉiu ajn, nur ne al la redaktoro de E. K. Kun granda peno mi fine sukcesis kolekti la raportojn de la dua ĝis la lasta laborkunsido. Tamen la raporto de la unua malferma kunsido estis perdita (ankaŭ tiu de la frato de la raportisto).

Pro tio mi sentas min devigita protesti. P-ro RICHARDSON kaj mi, la direktoro kaj redaktoro de E. K., bedaŭrintaj, ke S-ro COLAS, la kongressekretario, ne ensendis la oficialan raporton de la Budapesta kongreso, faris ĉion, kio estas necese por garantii al la Legantoj de E. K. raporton de la Roma Kongreso. S-ro COLAS tamen disponis pri tiu raporto, farita pro kaj por E. K., laŭ sia bontrovo kaj eĉ estas kulpa pri la neebleco de la redakcio, spite ĉiuj antaŭaranĝoj, presigi ĝin tuta. Je la nomo de ĉiuj Legantoj de E. K., mi protestas kontraŭ tiu arbitra kaj facilanima konduto de S-ro COLAS.

**Prepara Kunveno**

okazis 4 Septembro antaŭtagmeze, en kiu laŭ propono de S-ro COLAS estis elektita P-ro PARKER prezidanto kaj P-ro BIANCHINI vic-prezidanto *de la Kongreso.*

**Malferma Kunsido**

okazis posttagmeze. Ĉeestis ± 60 personoj, inter kiuj 4 Italaj Esperantistoj, kaj kelkaj Italaj ne-esperantistoj, i. a. la prezidanto de la Katolikaj Asocioj Romaj, kiu entuziasme paroladis en Itala lingvo, tradukita de P-ro BIANCHINI. Kelkaj telegramoj kaj leteroj (3 de Episkopoj) estis legitaj. Reprezentantoj de 12 landoj salutis la kongreson. La delegito de U. E. A. (ne-katoliko) en Romo afable faris belan fotografaĵon de la ĉeestintaro.

Sekvas la raporto de S-ro MILSOM; ĝi estas konciza kaj enhavas nur la ĝeneralajn ideojn de la serio de paroloj.

D-ro S.

## DUA LABORKUNSIDO.

### Vendredon 5 Septembro.

S-ro COLAS legas kelkajn leterojn de saluto, kaj prezentas S-ron P-tron KOLLER el Aŭstrio.

S-ro KOLLER estro de monaĥejo, salutas en la nomo de la Esperantistoj disaj en diversaj vilaĵoj.

S-ro COLAS enkondukas la raportistojn de la kunveno: S-ron P. BIANCHINI kaj S-ron MILSOM.

S-ro BIANCHINI diras taskon de la Eklezio, baptigi la popolojn en la Nomo de Dio. La Eklezio deziras, ke la popoloj konvertiĝu. Li donas nombrojn de la diversaj religianoj, montrante, ke Katolika Eklezio estas tiu de malgranda parto de la mondo.

La misioj bezonas multe da mono: eĉ la protestantoj komprenas la utilecon de la mono; ĉe katolikoj, nur 5 centimoj ĉiujare po persono sufiĉus por granda kaj necesa laboro.

Revuo de landoj:

Italujo donas 2 cent ĉiujare.

Hungarujo 5 cent.

Francujo, Irlando kaj Belgujo; Germanujo faras multe por misioj.

Kiel ni povas labori? S-ro BIANCHINI donas ekzemple abonado al Bultenoj (rekomendita de Pio X); (Missione Cattoliche). Popolo amanta la misiojn iĝos popolo pia.

Tiel Esperanto povas servi, por ke ĉiu katoliko konvertu la 5 nekatolikojn, sen diferenco de lingvo.

S-ro P. PARKER dankas S-ron P. Bianchini, kaj donas la parolon al P-ro Becker.

P-ro BECKER demandas klarigon pri la laboro farebla de la pastroj.

S-ro BIANCHINI montras kiel ekzemplo la publikadon de libroj de katolikaj aŭtoroj: *Itala animo* de Sylvio Pellico (trad. Tellini), k.t.p.

S-ro COLAS resumas la impreson de la parolado de S-ro Bianchini.

Koncerne la librojn, li preferas librojn ne tro literaturajn,

sed pli apostolajn librojn; kiel *Fabiola* kaj *Kie estas la Eklezio de Kristo.*

Pri Esperanto kaj Misionoj S-ro Colas konigas, ke kelkaj Misiistoj en Ĥinujo estas Esperantistoj, kaj ke la Esp. gramatiko estis presita ĉe la Katolika Grupo de Shang Hou.

Ankaŭ en unu provinco de Ĥinujo (Yunnan) Esperanto estas oficiale enkondukita en ĉiuj superaj lernejoj. Por ke ĉiu Esperantisto povu helpi: oni sendu poŝtmarkojn uzitajn al Misioj en Belgujo, tiu komerco permesis konstrui preĝejon kaj misii.

Ankaŭ kolekto de malnovaj vestaĵoj.

S-ro BIANCHINI proponas, ke la kolekto fariĝu de la kaso de „Espero Katolika", por ke ĉio tiel centraliĝu.

S-ino R. JUNCK deziras, ke oni ne sendu vestaĵojn de ĉitieaj (Romaj) Sinjorinoj.

S-ro COLAS proponas, ke nur mono estu sendata al la centra kaso, sed ke vestaĵoj k.t.p. estu sendatoj rekte.

S-ro LEHNER petas raportojn kaj klarajn sciigojn pri la antaŭenmarŝado de la laboroj de la misioj; li proponas ke oni elektu komisionetojn, kiuj sin okupus *speciale* pri tio.

S-roj COLAS, BIANCHINI proponas unu aŭ pli da personoj en ĉiu lando, al kiu oni povus sendi la aferojn; aliparte oni sendu la monon al „Espero Katolika".

S-ro P-ro BECKER konigas al la kongreso la G. E. A. Li petas kaj insistas, ke ekzistu en ĉiu lando praktika, laborema kaj kontrolanta societo, kun statutoj k.t.p.

S-ro LEHNER reproponas la kreadon de kontrolado ĉe l' *I. K. U. E.* Tiam raporto kaj statistiko estus ebla.

S-ro BIANCHINI anoncas publikadon de libro pri la Misioj.

S-ro BECKER proponas elekton de komitatanoj de I. K. U. E. ĉe virinoj. Sed poste li ŝanĝas la proponon.

S-ro COLAS legas deziresprimon petante al ĉiu esperantisto labori iamaniere por la misioj.

---

S-ro COLAS donas la parolon al *S-ro Milsom*, eksanglikana pastro; pri la *Uuniĝo de la Eklezioj.*

S-ro MILSOM diras la malfelicajn materiajn rizultatojn de konvertiĝo: disrompo de amikecoj, k.t.p.

Sed tute neeble reveni al Anglikaneco, pro la vereco. Ĉiu ŝhismo kaŭzas perdon ambaŭflanke; la Eklezio ne mortas pro ŝhismo, sed suferas de apartiĝo de kelkaj. Ĉar la gloro de la Eklezio venas de la gloro de ĝiaj membroj.

La Anglikana Eklezio ne povis kuniĝi al la Katolika Eklezio pro la ŝtata karaktero de Anglikanismo; la Reunuiĝo estas tre dezirinda; sed ĝi ne estos sukcesa, se ĉio ne estas perfekte klarigita.

La specialaj karakteroj de la Angla nacio povas daŭri sub katolika regado; la nacia personeco ne devas esti detruita per reunuiĝo, sed edukata.

S-ro Milsom esperigas al ni la alproksimanta reunuiĝo de Anglujo al la Katolika Eklezio; la Sanktuloj de l' Ĉielo preĝu por tio.

S-ro COLAS proponas deziresprimon: 1°. preĝi por la Reunuiĝo; 2°. Legi kaj publikigi en E. K. verkojn utilaj en tiu direkto.

S-ro FORESTIER proponas la presadon en E. K. de la raporto de S-ro Milsom.

S-ro PARKER donas detalojn el *S-ro P. James* el Londono, pri *Societo de Anglaj Pastroj*, en kiu oni studas la Katolikan Eklezion, por prepari ĝeneralan konvertiĝon de la membroj, ĉi tiuj je nombro de $\pm$ 500.

S-ro COLAS donas detalojn pri la konvertiĝo de la Abato de Caldey, kaj de la monaĥaro, dirante, ke unu proksima kongreso fariĝu en Caldey, laŭ deziro de Ab. Richardson.

S-ro PARKER raportas rimarkindan rakonton pri Irlanda pentraĵo, deportita el Irlando en la 17 Jarcento al Aŭstrio, kaj de tiam reportita en Irlando; tiu pentraĵo, en ĉeesto de multaj katolikoj kaj protestantoj, ploris larmojn de sango la 17 Marto 1907, tago de la plej terura persekutado en Irlando.

S-ro COLAS tre interesas la Kongreson, rememorante la konverkiĝon de Ab. Richardson, kiu okazis post apero de 3 brilantaj radioj ĉirkaŭ la S. Sakramento dum la Benado.

S-ro COLAS proponas deziresprimon pri la parolado de S-ro Milsom. Aprobita, post rimarko de S-ro Milsom, ke oni disvastigu la katolikajn librojn en Anglujo.

S-ro LEHNER proponas speciale la disvastiĝon de la Esperanta Biblio.

S-ro COLAS raportas la deziron de Ab. Richardson, ke la Evangelio disvastiĝu; li parolas pri la „*Ligo de l' Evangelio ĉe l' Popolo*" de Ab. Garnier; kun espero, ke tiaj ligoj disvastiĝu ĉie.

S-ro Colas parolas pri la eldono de Hachette (1.50 fr.) de la *Kvar Evangelioj en Unu Rakonto* (kun eklezia aprobo). Ankaŭ pri la Nova Testamento, tradukita de Pastro Moĵado en Usono, kiu baldaŭ aperos.

S-ro BIANCHINI parolas pri traduko, kiun li komencis, sed kies manuskripto perdiĝis.

Li ankaŭ konigas al la kongreso presiston, la plej malkaran el ĉiuj: nur estas necese koni la nombron de la ekzempleroj.

S-ino R. JUNCK parolas pri Edmondo de Amicis, kiu laŭ ŝia ideo estas tre bona katoliko. Temo, kiun oni priparolos en la hotelo.

S-ro COLAS legas deziresprimon rilate al la propono de S-ro Lehner: 1°. ke oni laboru por disvastigi la katolikan eklezion. 2°. ke oni havu baldaŭ katolikan eldonon de la Nova Testamento. La kunsido estas fermata de P. Parker je la 11, 35 matene.

---

## TRIA LABORKUNSIDO.

### (Samedon, 6 Septembro.)

La kunsido estas malfermata je la 6-a vespere.

Ĉeestas S-roj P. Parker, prezid., P-ro Bianchini, vicprez., Cl. Colas, kongressekretario, D-ro Smulders, redaktoro de E. K., F-ino Larroche, katistino, k.t.p.

S-ro COLAS legas la protokolon de la Dua Kunsido, speciale insistante pri la diversaj deziresprimoj tiam aprobitaj.

S-ro COLAS enkondukas la temon de anti-alkoholismo, kio temo pro ĝia eksterprogrameco ne estos diskutata.

S-ro MALLET legas raporton de F-ino *Hornung* (Aŭgsburg). La problemo de anti-alkoholismo postulas kiel sola kontraŭo la abstinencon de ĉiu alkohola trinkaĵo; katolikoj ĝis nun ne sufiĉe komprenis tion, kvankam la S. Papo diris,

ke la anti-alkoholismo estas unu el la rimedoj por plialtigi la Eklezion.

La raporto konigas la belajn sukcesojn en Aŭgsburg, de la Franciskana Patro Elpidius, inter popolaj rondoj.

S-ro MALLET legas ankaŭ raporton pri la anti-alkohola movado en *Svisujo* de *Kanoniko Gross* (el Martigny, Valono).

En tiu raporto ni lernas la diversajn progresojn de la movado, speciale interesajn en Irlando, Canado, k.t.p.

Kio estus necesa, estu la aliĝo de nia laborado al la angla „*Ligo de la Cruco*".

La Kanoniko Gross konigas al ni, ke li ĵus lernis Esperanton, kaj proponas ĝin kiel internacia korespondilo.

S-ro COLAS konkludas, demandante, ke la kongreso: 1°. gratulu la Kat. Esp., kiu laboras en tiu movado; 2°. esprimu la deziron, ke Esperanto disvastiĝu kiel rimedo de pli utila laboro; 3°. gratulu la tutan movadon pro la atingitaj aferoj.

La kongreso aprobas.

S-ro COLAS enkondukas alian temon, tiu de *I. K. U. E.* La ĝeneralo sekretario de I. K. U. E. eksiĝis, kun konsento de la prezidanto, kiu mem mortis ankaŭ la kongreso.

Oni do devas elekti novajn Prezidanton kaj ĝeneralan Sekretarion. S-ro Colas demandas, ĉu la elekton kaj diskutado fariĝu tuj. La kongreso aprobas.

S-ro SMULDERS proponas: 1°. ke la elekto de la komitatanoj okazu per voĉdono, ne per simpla propono; 2°. ke voĉdonu ne ĉiu ĉeestanta kongresano, sed la oficialaj delegitoj de la naciaj Ligoj katolikaj kaj unu reprezentanto de la 12 landoj, al kiuj apartenas la gekongresanoj de Nia Kvara.

S-ro COLAS klarigas, ke ĝis nun la kongresoj nur voĉdonis deziresprimojn; sed de nun estas necese ŝanĝi tion; la plej grando diferenco estus, ke la kongresu elektu fiksajn kaj konatajn delegitojn por ĉiu lando.

Li proponas do, ke, ĉar la IV kongreso ne povas elekti tiajn delegitojn, la kongreso elektu *provizorajn* komitatanojn.

S-ro BIANCHINI demandas, ke nia afero estu praktika, ne teoria; li montras kiel la nuna organizo de nia societo

estas morta por ĝi; li atakas la regulojn, prenante, kiel ekzemplo de bona evolucio, la organizo de U. E. A.

Li proponas, ke la Esp. Katolikoj konatiĝu per Jarlibro (propono farita en Parizo, Dresdeno, Hago, Buda Pesto, kaj ĉie aprobita, sed kun nenia rezulto) I. K. U. E. de post 11 jaroj ne progresis, dum U. E. A. de 4 jaroj estas pli kaj pli sukcesa.

La jarlibro de la Katolikoj entenu:

Ĝeneralajn detalojn pri ĉiu lando kaj urbo, adresojn, k.t.p. La Jarlibro estu deviga por ĉiu membro, kaj kostus ± 1 franko (el kiu 50 cent estus por I. K. U. E.). Tiamaniere la I. K. U. E. ne ŝajnus diri al la katolikoj: Pagu, sed mi nenion redonas!

P. Bianchini proponas presigi mem la Jarlibron, se oni nur donu al li la manuskripton. Sed tiu laboro estas urĝa, kaj devas esti farita antaŭ la fino de la jaro; 4 reguloj sufiĉus:

1°. Esti Katolika.

2°. Esti Esperantisto laŭ Zamenhof.

3°. Labori laŭ povo.

4°. Sendi respondkuponon en ĉiu letero.

S-ro Colas diras, ke tiu propono tute korespondas je la sia, kiun li konigis al la kongreso de Parizo. U. E. A. estas efektive tute kopiinda, ĉar ĝi petas la helpon de ĉiu, sed ne malhelpante la laboron de ĉiu.

S-ro Bianchini montras denove kiel facile estas fari la Jarlibron;

Sed S-ro Colas montras 1° ke societo ne konsistas el Jarlibro, sed ankaŭ el centra organizado, kiu faru la administradon.

S-ro Bianchini, klarigas se la U. E. A. decidus ne plu eldoni la Jarlibron, U. E. A. iĝus senutila kaj senefika. (Aplaŭdo.)

S-ro Parker proponas, ke hodiaŭ mem, ĉiu delegito de lando promesu skribe al S-ro P-ro Bianchini, sendi al li (S-ro Bianchini) la nomojn de ĉiu persono, kiu estas Kat. Esp. aŭ eĉ persono interesiĝanta en la movado.

S-ro Mallet prezentas kontraŭdirojn:

I. K. U. E. kaj U. E. A. estos konkurencaj: Se I. K. U. E. sukcesas, Katolikaj Esperantistoj eliros el U. E. A., ĉar ne estas necese pagi kotizon al du societoj, kies servoj estas la samaj. Li ankaŭ rememoras, ke U. E. A. ne estas tuta sukcesa (ekz. 5000 fr. de deficito).

S-ro SMULDERS montras, ke I. K. U. E. ne estas kaj ne povas esti samcela kiel U. E. A.

S-ro BECKER proponas ke 1°. ni elektu estraron; 2°. ni starigu jarlibron por la membroj.

S-ro BIANCHINI donas kiel ekzemplo de diferenco inter U. E. A. kaj I. K. U. E. fakton, ke iu amiko katolika, de li sendita al U. E. A. delegito en Germanujo, renkontis anti-klerikalon, kiu lin tute malbone ricevis.

S-ro MALLET montras, ke 4 reguloj ne sufiĉas.

S-ro COLAS klarigas, ke U. E. A. kaj I. K. U. E. ne konkurencos, ke eĉ, se tio estus, ni ne devas nin okupi pri tio. Li proponas, ke laŭ P. Becker ni ne ĉion intermiksu, ke ni nomu prezidanton kaj sekretarion ĝis la proksima jaro, kaj ke ili ricevu simplan kaj difinitan taskon koncerne la Jarlibro.

La *kongreso* aprobas

S-ro COLAS diras, ke mankos ankoraŭ vic-prezidanto kaj kasisto.

S-ro MALLET rimarkas, ke ne estas bone elekti nova estraron en sama momento, kiam la regularo estos ankaŭ ŝanĝata.

S-ro COLAS faras proponon pri deziresprimo pri regularo.

S-ro MILSOM demandas, ĉu havas voĉrajton ĉiuj I.K.U.E. anoj, aŭ nur la delegitoj.

S-ro COLAS proponas, ke la kutimo estu leĝo provizore (aprobo).

S-ro SMULDERS montras, ke la kutimo estas elektigi specialan komision por la internaj aferoj de I.K.U.E.; oni same faris en Hago, elektante S-ron Knaapen, generalan sekretarion, kaj D-ron Smulders, redaktoron de E. K., k.t.p.

S-ro COLAS montras, ke al tiuj delegitoj mankas oficialeco.

S-ro BECKER rimarkas, ke ni diskutas pri regularo. kiun neniu konas.

S-ro SMULDERS proponas, ke estu rajtigita la de legitoj de la anoj de ĉiu nacio reprezentita en la kongreso.

S-ro COLAS montras, ke estas neeble, ĉar ĉiuj nacioj ne estas reprezentataj, kaj ĉiu nacio reprezentata ĉe la kongreso ne havas rajton elekti oficialan delegiton.

La diskuto konfuziĝas.

S-ro LEHNER rimarkas, ke S-ro Smulders intenca sagigi laŭ la regularo, kaj oni ne rajtas detrui la regularon, sed oni devas legi la regularon, kaj voĉdonu laŭ ĝi.

S-ro COLAS respondas, ke nur du rajtigitaj delegitoj ĉeestas (Nederlando kaj Katalonujo).

S-ro PARKER petas, ke oni voĉdonu: ĉu ĉiu kongresano havu rajton voĉdoni, aŭ nur la delegitoj.

S-ro LEHNER protestas, ke oni ne havas rajton agi kontraŭe al la regularo, ĉar la neĉeestantoj rajtas insisti, ke la reguloj estu sekvataj.

S-ro MALLET demandas, ĉu oni volas morti kun regularo, aŭ vivi sen regularo. (Aprobo.)

S-ro LEHNER rimarkas, ke oni povu elekti provizorajn delegitojn ĝis la sekvanta kunsido.

S-ro PARKER rimarkigas, ke estas momento fini la kunvenon.

S-ro COLAS montras, ke estas absolute necese fini tiun diskudadon hodiaŭ. Li proponas, ke oni sekvu la regulon de la Dominikanoj, elektante; oni pli bone faros elektante prezidanton kaj sekretarion *provizorajn*, kiuj devos esti aprobataj de la grupoj poste.

Tio estas aprobita de la kongreso, kiu ankaŭ aprobas, ke *ĉiu* kongresano voĉdonos.

La voĉdonado okazos morgaŭ la 7-an de Septembro.

S-ro G. Bruloot de la Grupo Zamenhof, el Brussel, legas leteron, rememorante la helpon kaj altan direktadon de Ab. Richardson.

La kunsido estas fermata de la Prezidanto je la 7.40 vespere.

---

## KVARA LABORKUNSIDO.

### Dimanĉon 7 Septembro.

Malfermado de P-ro Parker je la $3^1/_2$-a en hotelo Dinesen.

Post propono de S-ro COLAS la Kongreso voĉdonas sekrete novan provizoran prezidanton. La voĉdonado donas kiel rezultato:

| | |
|---|---|
| P-ro Parker | 15 |
| P-ro Poel | 5 |
| P-ro Bianchini | 1 |
| P-ro Giesswein | 1 |
| P-ro Becker | 2 |
| S-ro Van Schoor | 1 |
| blanko | 3 |

S-ro Parker estas proponata.

S-ro PARKER dankas la Kongreson por tiu voĉdono, sed rimarkigas, ke tiu funkcio donas tro da laboro kaj da daŭra laborado. Li hezitas akcepti, ĉar al li mankas la tempo.

S-ro COLAS rememoras la penson de Ab. Richardson, ke P-ro Parker estas plej bona prezidonto.

S-ro BIANCHINI havas la ideon, ke la Prezidanto devas esti el neŭtrala, malgranda lando kiel Irlando, Belgujo, Nederlando, Svisujo.

S-ro JANSSEN proponas P-ron Poell kiel prezidanto, se P-ro Parker ne akceptas.

S-ro COLAS rimarkigas, ke S-ro Poell ne estas tre konata en la Esp. Katol. mondo. Li ankaŭ montras, ke grandnaciano ne tro nacia (kiel Ab. Richardson) povus ankaŭ taŭgi.

S-ro SMULDERS diras, ke P-ro Poell faris gravajn laborojn por nia movado.

S-ro MALLET demandas, ĉu P-ro Poel konsentos.

S-ro PARKER akceptas *por unu jaro,* sed rimarkigas insiste, ke la aferoj estas malhelaj. La E.K. mortos, se oni ne varbu abonantojn; se ĝi mortas, la tuta afero mortos. Li petas la helpon de ĉiu esperantisto, ekzemple la skribitan promeson, ke ĉiu varbos unu aŭ du novajn abonantojn al E.K.

S-ro COLAS klarigas la situacion: S-ro Parker elektita por unu jaro; la kongreso konsentas.

Li poste deziras, ke oni *ne tuj* elektu vic-prezidanto, pro ne-utileco. (aprobo). Li ankaŭ konigas la penson de P-ro Richardson, ke P-ro Bianchini estu ĝenerala sekretario. P-ro Bianchini volas paroli, sed neniu permesas tion al li. Voĉdonado donas la rezultaton sekvantan:

| | |
|---|---|
| P-ro Bianchini | 23 |
| blanko | 3 |
| S-ro Colas | 3 |
| P-ro Becker | 1 |

P-ro BIANCHINI dankas, sed rimarkigas la fakton, ke li estas tre okupata de sia duonmonata ĵurnalo, en kiu li intencas doni lecionojn por itala elparolado de la latina lingvo. Li do absolute ne povas labori por Esperanto, speciale, ĉar li estos baldaŭ en nova loko, kie li trovos ankoraŭ pli granda laboro. Li fine dankas kaj demandas alian voĉdonon.

S-ro COLAS rimarkigas, ke P-ro Bianchini devas elekti inter katolika kaj neŭtra laboro, memorante, ke, dum la antaŭa kunveno S-ro Bianchini diris, ke li faros multon por Esperanto kaj I.K.U.E.

P-ro BIANCHINI diras, ke lia ĵurnalo havas neŭtran aspekton, por ke ankaŭ nekatolikoj en Italujo sin abonu.

S-ro COLAS petas, ke P-ro Bianchini akceptu en memoro de P-ro Richardson.

P-ro BIANCHINI klarigas, ke sia Episkopo malpermesis al li preni novan taskon.

S-ro COLAS tiam petas, ke P-ro Bianchini demandu telegrame al la Episkopo, ĉu li povas akcepti.

S-ro BIANCHINI akceptas.

Li estas aprobata de la kongreso.

Elekto de kasisto.

S-ro SMULDERS proponas F-inon Laroche. Pri la kaso S-ro SMULDERS kaj S-ro MALLET konstatas fakton, ke oni ne pagas la kotizojn de I.K.U.E.

S-ro MALLET proponas, ke la provizora komitato starigu novan regularon, kiun oni sekvus.

S-ro COLAS konkludas, ke oni devas elekti tutan komitaton por la organizado de I. K. U. E.

S-ro MALLET tion efektive proponas.

S-ro SMULDERS respondas, ke la ideo de S-ro Mallet estas tute bona, sed dum Nia Dua en Hago oni elektis tian komitaton kaj D-ron Smulders kiel ĝian prezidanton. Kiam li komencis la laboron, la komitatanoj neniam respondis kaj pro tio nenio estis farita. Laŭ la eksperimento do estas pri bone, ne elekti komitaton por la organizado, sed lasi ĉion al la estraro elektita.

Li proponas ke la prezidanto kaj la ĝenerala sekretario elverku skemon de regularo.

S-ro PARKER rimarkigas, ke estas necese havi vicprezidanton.

Tiam oni elektas la kasisto: Fraŭlino Larroche (aplaŭdo).

S-ro MALLET proponas, ke la ĉefestraro mem elektu konsilantaron de helpantoj.

*Aprobita.*

S-ro COLAS demandas, ke la kongreso proponu kaj diskutu la lokon de la proksima kongreso.

S-ro MALLET proponas, ke oni tuj helpu I. K. U. E. per pago de kotizo (aprobo).

S-ro COLAS proponas, ke oni konservu la samon sumon; sed ke por la nuna fojo oni donacu pli;

S-ro ULM proponas, ke la kolekto fariĝu ĉe la vespermanĝo.

S-ro PARKER petas, ke oni insistu ĉe ĉiu por ke li aboniĝu energie al E. K.

Pri la proksima kongreso (Nia Kvina).

S-ro COLAS klarigas, ke ĝenerale la Kat. Kongr. okazas en sama lando kiel la ĝenerala Kongreso Esperantista.

La X kongreso okazis en Parizo; S-ro COLAS proponas, ke ni ne havu la kongreson en Parizo, pro netrankvileco; sed en *Lourdes*. Ĝi estas internacia urbo; oni havas tute specialajn biletojn en ĉiuj lando. La fondinto de E. K. Ab. Peltier mortis en Lourdes, kaj estis interigita tie, tial la kongreso en Lourdes estos ankaŭ pilgrimo al tiu tombo.

S-ro COLAS promesas, ke la organizado estos bonega, ĉar facila, kaj ke la tuta kongreso estos sukcesa.

P-ro PLANA promesas ankaŭ grandan ĉeeston de Hispanoj.

S-ro MALLET proponas, ke oni prizorgu sufiĉan tempon por la laboroj kunsidoj.

S-ro COLAS aprobas.

S-ro COLAS konigas kelkajn tre favorajn prezojn por fervojo al Lourdes.

S-ro PARKER fermas la kunsidon je la 5-a Vespere.

---

## KVINA LABORKUNSIDO.

### Lundon 8 Septembro.

S-ro P-ro BIANCHINI malfermas la kunsidon je la 6.45 vespere.

Li enkondukas novan temon de diskutado, tiu de Internacia Telegraf-agentejo.

S-ro COLAS rememoras, antaŭ komenci, ke tiu-ĉi tago estas glora por ni, ĉar estas la unua fojo kiam ni kantis en Esperanta lingvo antaŭ lia Moŝto Pio X (aplaŭdo). (La kunveno okazis unu horon post la aŭdienco ĉe la S-ta Patro).

S-ro COLAS konigas al la kongreso la laboron de la IV-a kunsido: P-ro Parker, prezidanto de I. K. U. E.; P-ro Bianchini, sekretario; F-ino Larroche, kasistino de I. K. U. E.; ĉiuj por unu venonta jaro.

Ankaŭ, ke oni proponis *Lourdes* kiel proksima kongresurbo (aprobita).

S-ro P-ro BIANCHINI proponas, ke la kongreso okazu dum la Eukaristia Kongreso.

S-ro COLAS klarigas, ke estas tute neebla, pro la multe tro granda nombro da vizitantoj en *Lourdes* je tiu momento. Ĝi ankaŭ ne devas okazi samtempe kiel la X-a kongreso en Parizo; nia V-a kongreso okazos do post aŭ antaŭ la Pariza kongreso. S-ro Colas diras, ke nia V-a kongreso estos sia principa tasko dum tiu jaro.

S-ro JANSSEN el Amsterdam ricevas la parolon por la temo de Telegraf-agentejo.

Li montras, kiel la ekzistantaj telegraf-agentejoj estas en

la manoj de ne katolikoj. Eĉ nia katolika gazetaro estas dependa de tiuj malamikoj; la katolika gazetaro nenion povas fari, ĉar la agentejoj estas necesaj. La sola maniero eltiriĝi el tiu malo estas la fondo de katolika telegraf-agentejo: Se ni volas ĝin. ni havos la necesan agentejon.

Tia agentejo havus agentoj kaj reprezentantoj en ĉiu granda urbo.

Sed la fondo de tia entrepreno demandas kapitalon. Se ĉiu katoliko helpas, ni povus starigi la fundamenton de tiu afero.

La entrepreno estos akcia societo; kun akcioj je 25 Sm. 50 % de gajno estos por la kapitalo; 2,5 % por direktoroj (2) 5 % por komisaroj kaj 42,5 % por la ĵurnala kapitalo. La afero ne estas nur komerca. Ĝi estas aferode katolika defendo.

Ĉar la starigo mem de la societo postulas monon, oni tuj devas komenci per starigo de garantia kapitalo (± 6000 frs). Tiam komitato povus esti elektata. Se la afero sukcesas, oni repagos la garantian kapitalon kun la profitoj.

Jenaj punktoj estas traktindaj:

1°. Elekti komitaton.

2°. Elekti subkomitaton por starigi la akciojn kaj subakciojn.

3°. Starigi regularon pri la akcia societo.

Fakto, ke estas internacia entrepreno, malfaciligas tiun starigon; oni povus ankaŭ fari membrojn pagantaj 1 Sm. jare.

S-ro Janssen petas la financan kaj moralan apogon, helpon kaj kunlaboradon por sia entrepreno.

Estas por la defendo de la katolika gazetaro kaj por la Eklezio,

S-ro MALLET petas, ke tiu paralado estu resumata en Zamenhofa Esperanto.

S-ro COLAS proponas, ke tiu resumado estu farata sub formo de deziresprimo.

S-ro MALLET rimarkigas, ke tiu entrepreno estas ne afero de 30 personoj, sed de grandega katolika kongreso.

S-ro SMULDERS respondas, ke, ĉar la pritraktita afero estas gravega kaj urĝa katolika intereso, nia kongreso prave okupas sin pri ĝi; la celo de I. K. U. E. ja estas: servi katolikajn interesojn.

S-ro P-ro BIANCHINI memoras la parolon de granda

Itala deputato pri la afikeco de la nombro; kiel ekzemplo, la leĝon de Belgujo kontraŭ tiu de Aŭstrio.

S-ro COLAS proponas, ke la raporto estus resumata en deziresprimo, pri kiu la kongreso voĉdonos.

S-ro SMULDERS bedaŭras, ke tiu temo estas pritraktata nur antaŭ 30 personoj, pro ĝia grandega utileco. Sed ĉiu kongresano povos propagandi la aferon en sia lando. Li poste resumas la paroladon de S-ro Jansen.

S-ro COLAS petegas, ke oni havu ion klaron; por ke ni povu voĉdoni.

S-ro P-ro Parker rimarkigas, ke la deziro de S-ro Jansen estas antaŭenpuŝi la aferon en ĉiu lando; li rakontas, ke, en Irlando, li tute nesukcesis presigi artikolon en 2 katolikaj ĵurnaloj. Sed ni povas agi vorte.[1])

S-ro SMULDERS montras ke, se apogo de la katolikoj venos, ni havos bonan ilon de defendo.

Se la katolikoj ne respondas la peton, tiam la entrepreno estos enterigita por 30 jaroj.

Fine, la afero nur sukcesos per konstanta alveno de mono.

---

[1]) *Noto de la Redakcio de E. K.* — Mi povas certigi, ke en aliaj landoj oni ne estis tiel nesukcesinta. La Katolikaj Ĵurnaloj Nederlandaj presigis la unuan cirkuleron kun la nomoj de la provizora komitato de la Int. Tel. Ag. Al tiu *unua* cirkulero la katolikaro Nederlanda (2.000.000 Katolikaj) respondis per enskribiĝo po 4000 frankoj por akcioj. Se la katolikoj de ĉiuj landoj farus proporcie la samon, tiam la tuta tuj bezonata kapitalo jam estus disponebla. Estas bedaŭrinde, ke la kongreso tiel malserioze, eĉ kontraŭopinie, okupis sin pri tiu grava afero, kiu pli frue aŭ malfrue certe estos solvata, *devas* esti solvata pro nia katolika honoro. Tiel okazos, ke internacia *katolika* entrepreno, kiu uzas *Esperanton* kiel unu el siaj lingvoj, estos starigita sen ia helpo (mi preskaŭ diris: post malhelpo) de la Internacia Kongreso de *Katolikaj Esperantistoj*, kies celo estas precize: servi la katolikajn interesojn. Pioniraj katolikaj personoj instinkte serĉas apogon kaj helpon ĉe *niaj* internaciaj kongresoj, sed seniluziigitaj ili ĉiuj tuj post niaj kongresoj forkuras de ni, spertinte, ke ni nur povas babili, deziresprimi kaj nenion fari (poste ankoraŭ blufi kaj fanfaroni). Parturiunt montes, nascetur ridiculus m*us*. Plenumiĝis la tasko per granda fiasko.

S-ro JANSSEN respondas, ke li nur petas la garantian kapitalon por komenci la laboron.

S-ro JANSSEN legas deziresprimon pri sia parolado:

Estas necese starigi garantian kapitalon (de ± 3—6,000 frankoj) kaj konigi la aferon en la publiko.

S-ro COLAS difinas la situacion, ke se la mona helpo ne estas deviga, la kongreso tute povas akcepti la aferon.

S-ro MALLET, supozante, ke nur 5 personoj el 30 entuziasmiĝas por la entrepreno, faras la sekvantan proponon, ke La Esperanta Katolika Kongreso proponu la aferon al Tutmonda Katolika Kongreso, kiu sola povus starigi ĝin.

S-ro P-ro PARKER rimankigas, ke 5 entusiasmaj personoj sufiĉus.

S-ro LEHNER legas deziresprimon, kiu petas helpon de Esperantistoj Katolikoj kaj ke ĝis la proksima kongreso unu persono en ĉiu lando demandu opinion de eminentuloj kaj raportu klare al la proksima kongreso.

S-ro BIANCHINI raportas, ke kelkaj riĉaj katolikoj estas pretaj aĉeti akciojn, se nur oni scias antaŭe, ĉu la societo estos fondita, kaj ĉu la mono estas perdita por ĉiam.

S-ro JANSSEN novan legas deziresprimon:

La Kongreso, aŭdinte la proponon de S-ro Janssen pri la internacia defendo de la Sankta Eklezio kaj konsiderante, ke la nunaj Pres-agentejoj ofte tendence sciigas precipe pri katolikaj aferoj, esprimas la deziron:

ke la katolikoj mem klopodu ĉiuforte, starigi internacian Pres-agentejon, kiu nur servas la *verecon*;

kaj ke la Katolikaj Esperantistoj finance kaj morale apogu tiun ĉi entreprenon.

S-ro COLAS rimarkigas, ke ekzistas jam naciajn agentejojn; sufiĉus por esperantistoj, ke oni kunigu ĉiujn naciajn agentejojn, per unu aŭ du esperantistoj en ciu lando, se necese pagataj laŭ laboro farata.

Ĉar neniu el la deziresprimoj antaŭenpaŝas.

S-ro COLAS proponas, ke je la 4-a mongaŭ (9-an de Septembro) en la hotela Dinesen, okazu la ferma kunsido de la kongreso.

S-ro P-ro PARKER fermas la kunsidon je la 8,5 vespere.

## FERMA KUNSIDO.
### Mardon 9 Septembro.

La kunveno estas malfermata je la 3-a 40 posttagmeze de P-ro Parker.

S-ro P-ro PARKER leviĝas por diri, ke la laboro de la kongreso estas finita; sed de nun, ĉiu devas labori laŭ siaj fortoj cirkaŭ si.

Li aldonas kelkajn vortojn pri la „*Espero Katolika*". Li insiste petas, ke ĉiu kongresano abonu „E. K." antaŭ la fino de la kunveno; sed tio ne sufiĉas; ĉiu membro devas promesi, varbi al „E. K." du novajn abonantojn antaŭ fino de la jaro. Se ĉiuj ne povas fari ambaŭ, almenaŭ oni faru unu.

S-ro COLAS diras, ke nia kongreso estis ankaŭ pilgrimo; ni laborkunsidis pri misioj, unuiĝo de la Eklezioj k.t.p. poste vizitis la urbon. Li resumas ĝenerale la deziresprimojn de la raportantoj, kaj speciale memoras la belegan kaj triumfan aŭdiencon de la Papo.

Ĝi estas granda helpo por ni, kontraŭ tiuj malamikoj, kiuj nin atakas. Ni ĉiam havos en penso la parolon de la Sankta Patro: „Instaurare omnia in Christo".

S-ro COLAS diras al la kongreso: ĝis revido, kaj diziras ke ĉiu bone laboru ĝis la revido ĉe la piedoj de la Sankta Virgulino de Lourdes.

S-ro P-ro PARKER parolas pri artikoloj aperitaj en la *Corriere d' Italia*, en kiu oni diras, ke la Esperantistoj kantis Itale; estas decidate sendi korektiĝon.

S-ro COLAS legas kelkajn leterojn, senditajn al la Kongreson.

S-ro SMULDERS legas leteron de P-ro Plana, kiu estis devigata reiri Hispanujo. Li petis S-ro Smulders, ke li legu leteron de S-ro P-ro Coll:

„S-ro Coll bedaŭras, ke li ne povas ĉeesti la IV kongreso. Li donas raporton pri la laboro de la kataluna grupo, kiu kontentige agas de post la fondiĝo en 1910.

„Li havas ĵurnalon, kiu de 1912 aperas regule; la katolikaj episkopoj helpas la movadan; la nova societo de seminariistoj estas granda antaŭenpuŝo por la esperanta katolika agado.

„S-ro COLL sentas mankon de eksterlanda helpo, kiel ekzemple de „I. K. U. E." Li memoras la grandan laboriston kiu estis P-ro Richardson.

„Fine li rimarkas, ke la kongresoj devos esti organizitaj frutempe, ĉar ĵus antaŭ la kongreso, li ne eĉ sciis la prezon de la vojaĝo de Barcelono al Romo".

S-ro SMULDERS daŭrigante, sciigas pri la deziro de P-ro Richardson, ke oni elektu bonan sekretarion por raporti la laboron de la kunsidoj; S-ro Richardson proponis S-ron A. Milson; kiun li dankas por lia grava laboro.

S-ro SMULDERS petas, ke oni donu al li ĉiujn raportojn de la kongreso, por ke li povu presigi ilin jam en la Oktobro-numero de „Espero Katolika".

S-ro SMULDERS petas, ke oni sendu al li la tutan protokolaron de Nia Kvara, por ke li povu elekti manuskriptojn el ĝi por E. K. (Aprobita).

S-ro COLAS responde al S-ro Smulders, diras, ke li prenos tagon en Romo por respondi ĉiujn leterojn ricevitajn dum la kongreso, precipe la leterojn de la 3 episkopoj.

S-ro SMULDERS rememoras la promeson de la kongreso pri abonado al E. K. Kaj petas la kongreson pri kritikoj kaj rimarkoj koncerne E. K.

S-ro . . . . . petas, ke estu pli da detaloj pri la Esperanto-movado.

S-ro COLAS montras, ke ne ĉiuj abonantoj estas filosofoj aŭ teologiistoj, oni faru du partojn, unu teologia, alia pli literatura, ĉar li estas certa, ke multaj malabonis pro la troa seriozeco de la unuaj artikoloj.

S-ro COLAS donas kiel ekzemplo „La Croix" kun tre superaj artikoloj kaj pli simplaj por aliaj personoj.

F-ino LARROCHE proponas, ke oni faru mallongajn artikolojn, ĉar kelkaj esperantistoj ne povas legi tre rapide.

S-ro P-ro BECKER proponas, ke la materio de la Revuo estu dividata en Fakoj.

S-ro MALLET proponas, ke ĉiu promesu raporti pri gravaj katolikaj okazintaĵoj en sia lando, por la Kroniko de E. K.

S-ro SMULDERS dankas ĉiujn kaj promesas artikolon en E. K. por respondi al ĉiuj rimarkoj.

S-ro P-ro PARKER rimarkigas, ke krom tio, estu bone ke ĉiu pensu pri la novaj abonantoj.

S-ino R. JUNCK diras la bonan propagandon, kiun oni povas fari, kaj kiun ŝi faris, per ŝlosiloj, artikoloj, k.t.p,

S-ro COLAS rimarkigas la fakton, ke esperantista kondukanto mankis en Romo, kaj se oni havus ĝin, oni povus fari multe.

Li prezentas al la kongresanoj la memoraĵon de la aŭdienco: Fotografaĵon de la S. Patro kun esperanta teksto (Tio estas tre interesa, ĉar nur 4 lingvoj estas permesataj por tiu teksto) la Benoj estos prezentataj al la S. Patro mem.

S-ro COLAS pri tio montras, ke oni ne povas aĉeti indulgencojn, kiel pensis kaj diris iu kongresano! [1])

Li ankaŭ resumas leteron de P. Card. *Vanneuve Ville*, bedaŭrante sian ne ĉeestadon ĉe la kongreso, kaj petante S-ron Colas lin viziti.

S-ro SMULDERS parolas fine, dankante ĉiujn organizantojn de la kongreso: P-ron Parker, P-ron Bianchini, F-inon Larroche kaj speciale S-ron Colas, mirinda homo; li komparas la estrojn je altaj pintoj, kiuj unue altiras fulmotondron. Li gratulas S-ron Colas por la granda sukceso de la kongreso. S-ro Colas estas la *patro de niaj kongresoj*.

S-ro P-ro PARKER leviĝas por fermi la kongreson.

S-ino FUNCK salutas la kongreson, per versaĵo de S-ro Bicknell: „*Ĝis Revido*". La kongresanoj poste kantas la kantikon: „*Ni volas Dion*", kaj la kunsido estas fermata.

*La oficiala Raportisto*:
A. MILSOM.

---

[1]) *Noto de la redakcio de E. K.* — Deziresprimo rekomendita al „Nia Kvina" en Lourdes: „Estonte oni komencu ĉiun Katolikon Esperantistan Kongreson per katekismajn lecionojn, por ke la kongresanoj antaŭe lernu la primitivajn kaj ĝeneralajn punktojn de la Katolika Doktrino". . . . Kiu ridas?

# Anonima Akcia Societo:

## INTERNACIA ELDONA SOCIETO ESPERO KATOLIKA.

### Ĝenerala Kunveno de la Akciuloj.

(Mallongigoj: E. K. = Espero Katolika; A. S. = Akcia Societo; Ĝ. K. = Ĝenerala Kunveno.)

E. K. sendis al la Akciuloj la 25-an de Aŭgusto specialan numeron, en kiu ili trovis la Bilancon de la unua societa jaro, raporton de la Komisaroj pri la bilanco kaj leteron de profesia libro-kontrolisto pri la bilanco kaj fine la tagordon de la Ĝenerala Kunveno de la Akciuloj.

La unuan tagon de nia Roma kongreso mi *petis afable* al la kongresestraro, sciigi la tagon, horon kaj ejon de la Ĝ. K. de la Akc., dirante, ke mi mem ĉiumomente estas preta kaj disponebla. Tamen la unuan tagon oni nenion faris tiuĉirilate, nek la duan, trian kaj kvaran tagon, kvankam mi *ĉiufoje atentigis* la kongresestraron precipe la kongressekretarion (kiu estas la sola aranĝanto antaŭ kaj dum la kongreso), pri la Ĝ. K. de Akc. nepre tenota dumkongrese, laŭstatute kaj laŭleĝe. Mi ne volas esplori la motivojn de tiu prokrastado (eble la kongressekretario intencis elprovi la paciencon de la ĉeestanta direktoro-redaktoro de la A. S. „E. K.”), sed mi nur konstatas la faktojn. La kvinan tagon mi *pli insiste petis* la kongresestraron aranĝi tiun urĝan kaj gravan aferon, kaj fine oni komunikis al la kongresanoj, ke la Ĝ. K. de Akciuloj okazos je la 3—3.30 posttagmeze. Tiu duonhoro kompreneble ne sufiĉis por pritrakti la tutan tagordon, kaj je la 3.30 oni devis foriri pro la Papa Aŭdienco. La sesan kaj lastan tagon de la kongreso mi devis *postuli*, ke oni daŭrigu la Ĝ. K. de Akciuloj. Jam okazis la ferma kunsido de la kongreso kaj dum la vespermanĝo je la 8-a vespere oni komunikis al la akciuloj, ke ankoraŭ devos okazi la Ĝ. K. Post la vespermanĝo la ĉefaj personoj forkuris, kaj, *post*

*protesto* miaflanke, fine revenis. Kaj tiel — laŭ la oficiala raporto farita dumkunvene — la daŭrigo de la Ĝ. K. okazis de la 9.40 ĝis la 11.55 nokte; dum la kunveno multaj kongresanoj venis adiaŭi forvojaĝonte; ankaŭ la prezidanto de I.K.U.E., kiu laŭstatute prezidas la Ĝ. K., devis forvojaĝi; kaj kelkaj akciulinoj dum la kunveno pro dormemo kaj fatigo de tempo al tempo, prave, dormetis dolĉe.

Jen veran rakonton pri la Ĝ. K. de la Akciuloj. La neĉeestintaj akciuloj frotu siajn okulojn, dubante, ĉu ili bone legis; sed ne estas anekdoto aŭ ŝerco, sed la nuda vero. Ŝajnas al mi, ke tiu preskaŭa malebligo de nepre necesa kunveno, kaj tiu seriozega konduto rilate al la **sola** bone organizita kaj aranĝita afero, kiun ni posedas en I.K.U.E., — estas ne sole karakterizanta kaj tipa pruvo pri la infanaĵeco de nia nuna I.K.U.E., sed ankaŭ dolĉa rekompenso kaj afabla kontentigo por la redaktoro kaj administranto de E. K., kiuj, multe kaj senĉese laborante, dediĉis tutan sian liberan tempon de jaro al jaro, de monato al monato, de semajno al semajno, de tago al tago, al la prizorgado de la E. K. aferoj.

Se P-ro Richardson ankoraŭ vivus . . .

* * *

Al la kunveno S-ro KNAAPEN komunikis per letero sian eksiĝon kiel Prezidanto-komisaro de la Akcia Societo.

La bilanco de la unua societa jaro (1 Majo 1912—31 Decembro 1912) post longaj diskutoj estis aprobita unuanime; per tio laŭstatute „la direktoroj kaj komisaroj estas „plene deŝarĝitaj pri ĉiuj iliaj agadoj dum la tempdaŭro, „kiun pritraktas la bilanco.” (Art. 26).

La diskutoj dum la kunveno ĝenerale estis tre konfuzaj. Ŝajnas, ke la ĉefaj diskutantoj antaŭe ne legis la dokumentojn. Pridiskutante la *verŝajnan* bilancon de la jaro **1913**, oni erare priparolis la Ĝ. K. de Akciuloj, okazontan en **1914**. Oni klopodis proponi aŭ decidigi aferojn. *kiuj estas jam fiksitaj laŭstatute* (la loko, kie okazos la Ĝ. K. de Akciuloj en 1914; la vojaĝo de unu el la estraranoj de la Akcia Societo al la Ĝ. K., k.t.p.)

Mi rimarkas, ke E. K. estas akcia societo, kiu laŭ inici-

ato de P-ro RICHARDSON kaj laŭ decido de „Nia Dua” en Hago laŭleĝe estas starigita per notaria akto; akcia societo, kies statutoj estas aprobitaj kaj subskribitaj de la Nederlanda registaro kaj de la Reĝino Wilhelmino (Vidu niajn Statutojn p. 19: „Reĝa Aprobo”); ke la direktoroj „ĉiu- „tempe restadas persone respondaj pro ĉiuj agadoj kon- „traŭaj al ĉi tiuj statutoj” (Art. 11). La direktoroj, kiuj havas respondecon ne sole pri la societaj financoj, sed ankaŭ pri la observado de artikoloj de la Statutoj, per neobservado riskus fariĝi riproĉindaj pro la Nederlanda Leĝaro, kiu garantias al la akciuloj tiun observadon de la statutoj.

Plue oni konsideru, ke oni nur rajtas decidi pri aferoj, kiuj estas antaŭe metitaj en la tagordon (Art. 20 D.) -- mi pri tio atentigis la akciularon jam pli ol tri monatojn antaŭ la Roma Kongreso (vidu E. K. Majo 1913, p. 159).

***

La Bilanco prezentita kompreneble motivigis multajn informpetojn kaj rimarkojn. Tamen, (kiel skribis al la Prezidant-komisaro unu el niaj komisaroj, S-ro HÖFELER en Londono) perdo ĉiam okazas en la unua jaro de ekzistado de tia entrepreno, kaj certe, se ĝi estas Esperanta entrepreno. Tio ne signifas, ke la entrepreno mem ne estas vivebla estonte.

Koncerne la elspezojn: unue la *pago de ŝuldoj* de E. K., antaŭ la starigo de la akcia societo, kaj due *la starigkostoj* -- (aĉeto de E. K. po 800 frankojn, la starigo de la notaria akto, la presado de la akciaj paperoj kaj de la statutoj, k.t.p.) — kune estas kompreneble granda elspezo, sed kiu ne revenos en la sekvontaj jaroj. Oni do ne tuj malkuraĝiĝu pro tiu necesa, unufoja elspezaĵo. — Pluaj elspezoj estas la presadkostoj (kiuj laŭ komuniko de nia administranto estas *pli malkaraj* ol antaŭe, kiam E. K. estis eldonita en Francujo) kaj la salajroj (kiuj estas *precise tiel grandaj* kiel antaŭe en Francujo, kvankam nun E. K. estas laŭleĝa financa entrepreno).

Necesaj estas la vojaĝelspezoj precipe por deviga ĉeesto ĉe la Ĝ. K. de unu el la personoj, kiuj havas la financan

respondecon. Tiu Ĝ. K. okazos la plej bone dum internacia kongreso, kien iras multe da akciuloj kaj partoprenantoj en nia movado, kie do la plej bone povas esti priparolataj la interesoj de E. K. Kaj necese estas, ke ĉeestu almenaŭ unu el la respondaj ĉefoficistoj de la Akcia Societo; sen tio, efika Ĉ. K. eĉ ne estas pensebla.

***

La menciitaj elspezoj (tiuj de la prezentita bilanco) estas do neeviteblaj -- supozite efika kaj vivforta akcia societo. Kaj se montriĝas, ke la **en**spezoj estas tro malgrandaj rilate al la **el**spezoj, tiam la plena atento devas esti donita al *pligrandigo de la* **en***spezoj*. Plimalgrandigo de *el*spezoj malgrandigus nepre la valoron kaj gravecon de E. K. mem. Sed pligrandigo de *en*spezoj nepre sukcesigos E. K., tiel ke ĝi konstante povos evoluciiĝi.

Mi ne komprenas, kiel oni povas forgesi, ke la graveco de iu gazeto estas taksebla *laŭ la nombro de ĝiaj abonantoj* (kaj anoncoj, sed tiuj ĉi en Esperanta gazeto ludos provizore malgrandan rolon). Tio estas kvazaŭ aksiomo, ĉie rekonita kaj jesigita. Efektive, kiam oni nur propagandus E. K. kaj varbus novajn abonantojn, tiam la Akcia Societo baldaŭ estus en prosperiga stato kaj ĝi fariĝus grava eldona societo, kiu povus kontentigi ĉies postulojn.

***

Nia IV-a Kongreso en Romo do havu tiun ĉi gravan rezulton ke ĝi instigu al konstanta varbado de novaj abonantoj.

Ĉiu malnova abonanto de E. K., kaj certe ĉiu akciulo ne devus ripozi, antaŭ ol esti varbinta kelkajn novajn abonantojn. Tio estas tute eble, se oni nur volas kaj agas. Jen ekzemplo imitinda: F-ino VAN AMELSFORT varbis dum la Berna kongreso naŭ novajn abonantojn de E. K. Brave!

Ankaŭ oni varbu novajn akciulojn. Oni klopodu, por ke la akcia societo estu kiel eble plej internacia. La kvar kvinonoj de la akciularo estas Francoj kaj Nederlandanoj; nur unu kvinono estas alilandanoj! Tio ne estas proporcio. La aliaj landoj precipe aliĝu kaj varbu novajn akciulojn.

Jen ni havas laŭleĝe starigitan, plene organizitan, gravan

eldonan societon, kiu en la komenco bezonas ĉies apogon, por ke ĝi poste je propra forto povu evoluciiĝi kaj fariĝi granda internacia entrepreno, kiu havigos al la internacia katolikaro la bezonajn internaciajn eldonojn. Jen mia idealo; kaj la iom-post-iome plena realigo dependas de kunlaboro de ni ĉiuj.

Oni komencu per la komenco: varbu akciulojn, varbu abonantojn!

D-ro SMULDERS,
*Direktoro-redaktoro de la A. S „E. K."*

---

# Nia Gazeto „Espero Katolika".

**Dekjara Ekzistado.**

En Oktobro 1903 eliris la unua numero de nia kara revuo. Tiun ĉi monaton do E. K. ekzistas 10 jarojn. Mi intencis eldoni festnumeron por pli solene rememorigi tiun gravan daton por nia movado, sed pro tro malmulte da kunlaboro (kompreneble P-ro RICHARDSON tuj promesis gravan artikolon) mi formetis la ideon (vidu E. K. Aprilo 1913, p. 127 kaj Majo 1913, p. 159).

Ni renovigu nian dankon al la fondinto de E. K., la simpatia P-ro Em. PELTIER, kaj ni memoru lin en niaj preĝoj kune kun P-ro RICHARDSON; iliaj meritoj por E. K. estas netakseblaj. Al ambaŭ noblaj pastroj ni dankas tian E. K., kia ĝi estis en la unuaj dek jaroj de ĝia ekzistado.

Ni nun havas gravan devon, ne nur por ebligi la daŭran vivadon de nia gazeto, sed ankaŭ por plibonigi kaj pligrandigi ĝin. Okaze de la dekjara ekzistado de E. K. mi insiste petas niajn amikojn, ke, por honori la memorojn de tiuj du grandaj pioniroj, ĉiu el ili, ankoraŭ tiun ĉi monaton, klopodu varbi almenaŭ unu, se eble kelkajn abonantojn. Tio estu ĉies festdonaco al ilia komuna gazeto, festdonaco, per kiu ili samtempe servos sian propran intereson: ĉar per pli granda nombro da abonantoj E. K. povos pliboniĝi kaj pligrandiĝi.

***

Ĉu tiuĉirilate oni sufiĉe faris la lastajn jarojn? Mi ne hezitas respondi: ne! Oni forgesas konigi la ekzistadon de nia gazeto; pro tio novaj abonantoj ofte skribis al la redakcio: „Mi antaŭe ne sciis, ke ekzistas Katolika Esperanta gazeto: eksciinte, mi tuj abonas”. Eĉ dum niaj lastaj kongresoj iu abonantino renkontis fervoran katolikan samideanon, *kiu estas prezidanto de katolika nacia ligo Esperantista* ĵus fondita, sed kiu tute ne sciis, ke ekzistas dekjara katolika gazeto Esperantista!

Jen fakto miregiga, nekredebla, sed kiu pruvas, ke estas nia devo, ĉie kaj ĉiuokaze propagandi kaj konigi nian karan revuon E. K.

* * *

Dum mia redaktoreco mi spertis la veron de la proverbo: Kiom da kapoj, tiom da ĉapoj. Efektive la plej diversajn rimarkojn mi ricevis pri nia organo. Ili estas ofte tute kontraŭaj unu al alia.

Mi tamen povis konstati, ke la plimulto tre ŝatas la nunan enhavon de E. K. Oni milfoje esprimis sian ĝojon pri tio, ke E. K. fariĝis pli serioza kaj pli grava gazeto, kaj oni aldonis: „daŭrigu! daŭrigu!” Efektive, kiam oni komparas la enhavon de la lastaj du jaroj kun tiu de antaŭaj, tiam neniu senpartia samideano povas nei la plibonigon. — Ankaŭ E. K. aperis regule ĉiumonate dum la lastaj du jaroj — io, kio ĝis tiam neniam okazis, ĉar ĉiu scias, ke ĝi antaŭe kutimis eliri tute neregule, tiel neregule, ke ĉiu ajn pro tio estis malkontentega.

Mi dum la Roma kongreso afable petis, ke oni faru kritikojn kaj rimarkojn pri nia organo, promesante artikolon en E. K. por respondi al ĉiuj. Tiu artikolo, kiu plej detale priparolos la interesojn de E. K., aperos en proksimaj numeroj.

D-ro SMULDERS.

# Sciigoj de la Redaktoro.

## NIA ĈEFESTRARO.

---

E. K. kore gratulas la novajn Estraranojn de I. K. U. E., la Prezidanton P-ro PARKER, la ĝeneralan Sekretarion P-ro BIANCHINI kaj la kasistinon F-ino LARROCHE. Ili ne trovas antaŭ si facile traireblan vojon kaj spertos, kiel malfacile, preskaŭ neeble, estas, fari utilajn laborojn en la nuna senorganiza stato de I. K. U. E. Ni ĉiuj faciligu ilian taskon. La redakcio de E. K. unualoke estas tute preta por kiel eble plej helpi, por ke la nova Estraro en tiu-ĉi unuiĝa jaro povu meti la fundamenton de bonplana kaj forta konstruaĵo de I. K. U. E., tute taŭga por la celo de nia movado.

## LA JARLIBRO.

Kiel en ĉiu kongreso, tiel ankaŭ en Romo, oni decidis eldoni jarlibron. La estinta ĝen. Sekret. de I. K. U. E. tuj post sia elekto klopodis efektivigi la deziresprimon de „Nia Dua" pri la I. K. U. E.-adresaro. Li presigis en E.K. Nov. 1911 (N-ro 79) paĝ. 289 oficialan alvokon. Denove li presigis oficialan artikolon en E. K. Marto 1912 (N-ro 83) p. 97. En E. K. Aŭg. 1912 (N-ro 88) oni trovas la adresaron de la Belgaj Katolikaj Esperantistoj: nia RICHARDSON do donis la unuan imitindan ekzemplon. En E.K. Nov. 1912, p. 362 S-ro KNAAPEN denove petas konigi al li la nombron de la I. K. U. E.-anoj. Fine en E. K. Aprilo 1913 (N-ro 95) p. 129 S-ro KNAAPEN sciigis sian eksiĝon kiel ĝenerala sekretario de I. K. U. E., motivante ĝin i. a. per tio, ke oni ne atentis „*oficialajn* petojn, kiujn mi *oficiale* publikigis en nia *oficiala* organo."

Nun la nova Ĝen. Sekr. de I. K. U. E. klopodos efektivigi la eldonon de la Jarlibro, aŭ Adresaro, de I. K. U. E. Ĉu li baldaŭ sukcesos? Mi dubas! ĉar ĉiu havis okazon konstati, ke la kunlaboremo de nia I. K. U. E.-anoj estas

absolute nula. [1]) Sed almenaŭ esperetu ni iomete, ke oni nun ja sufiĉe dormis kaj fine vekiĝos.

Laŭ speciala peto de P-ro BIANCHINI mi tuj atentigas la I. K. U. E.-anojn, sed precipe la estrarojn de Ligoj kaj Grupoj, ke la jarlibro estos eldonata kiel eble plej baldaŭ. Oni do tuj komencu kaj rapide pretigu la nomarojn.

## LA REGULARO DE I. K. U. E.

Laŭ propono de P-ro RICHARDSON, Nederlanda komitato pretigis projekton de regularo de I. K. U. E., diskutota dum „Nia Unua" en Parizo (Aprilo 1910). Ĝi estis aprobita de la kongreso kaj fiksita de speciala komisiono, por tio elektita de la kongreso mem.

Tuj komencis la malfacilaĵoj. Post la kongreso oni klopodis arbitre ŝanĝi la aprobitan regularon, kaj jam en la kongresraporto, verkita ne dum, sed *post* la kongreso, oni povis legi ne ĝustajn notojn pri tiu afero. En E. K. (kiu tiam estis eldonata en Francujo) la teksto de la aprobita regularo *neniam* estis presita! Fine en „Nederlanda Katoliko" la Nederlanda komitato presigis la aprobitan tekston kaj aldonis leteron al E. K. kun peto, korekti la neĝustajn frazojn en la kongresraporto.

Jen la puno por nedisciplineco kaj neorganizeco (la raporto estis farita *post* la kongreso): de 1909—1913 I. K. U. E. ne povis sukcese labori. Oni ne atentis la regule aprobitan regularon de I. K. U. E., kiu plue estis nekonata, ĉar neniam presita en E. K.

Jam en „Nia Dua" en Hago oni klopodis refari la aferon. Estis elektita internacia komitato por la organizado de I. K. U. E., kies prezidanto estis la nuna redaktoro de E. K. Tuj en E. K. Oktobro 1911 mi presigis longan artikolon pri la afero. Krom Frato ISIDORO (Belg.) neniu komitatano plue kunlaboris. En E. K. Majo 1912, p. 175 mi

---

[1]) En E. K. Januaro 1912 mi proponis eldoni „Jarlibron pri la Katolika Vivo en ĉiuj Landoj." Nur kelkaj personoj kunlaboris, sed entute la kunlaboro estis treege malgranda. Pro tio mi devis tuj tute forlasi la ideon.

presigis urĝan kaj insistan peton pri kunlaboro. *Nenia* respondo!

Per S-ro KNAAPEN mi sciigis al „Nia Tria” en Budapest mian eksiĝon kiel prezidanto de la organiza komitato, petante elekti alian prezidanton. En Budapest oni komisiis al kelkaj personoj verki projekton de regularo. Mi konas personojn, kiuj efektive kaj serioze laboris en tiu direkto, sed pro eksiĝo de S-ro KNAAPEN kaj pro morto de P-ro RICHARDSON la publikigo estis prokrastita.

En „Nia Kvara” oni komisiis al la nova Estraro prizorgi tiun aferon, se bezone, per helpo de aliaj personoj. Mi skribis al la Estraro pri la afero, kaj opinias, ke oni baldaŭ legos en E. K. bone pripensitan *projekton* de regularo de I. K. U. E., kiun oni povus pridiskuti en nia organo.

## Religia Direktoro de E. K.

Pro la morto de P-ro Richardson, alia pastro devos funkcii kiel religia konsilanto de nia gazeto. Mi jam priparolis la aferon kun la ĉefaj kongresanoj en Romo. Ĉar E. K. estas pure katolika afero, pro tio, laŭ katolika devo kaj laŭ Nederlanda kutimo, la elekto de tiu funkciulo estos farata de Episkopo. Tuj post elekto ni sciigos.

## Prezidanto-Komisaro de la Akc. Soc. „E. K.”

S-ro KNAAPEN bedaŭrinde ankaŭ eksiĝis; nova prez.-komisaro devas esti elektata *laŭstatute* de la ĉefestraro de I. K. U. E. Mi jam priparolis la aferon en Romo, tamen ne restis sufiĉe da tempo por definitivigi ĝin. Tiu elekto do okazos per korespondado kun la ĉefestraro.

## Espero Katolika

pro la kongresoj **ne** eliris en Septembro, kiel ni jam sciigis en No. 98 de E. K. — 25 Aŭgusto estis sendita al la akciuloj kaj dum la ĝen. kunv. de akciuloj en Romo disdonita, speciala numero de E. K., enhavanta la Bilancon, la tagordon de la ĝen. kunv. k.t.p.

## Surdeco de I. K. U. E.-anoj.

Ofte -- laste en nia antaŭa numero 98, p. 229 -- mi „insiste petis, ke oni tiun ĉi jaron ne forgesu alsendi rapor-

„tojn al E. K. pri specialaj kunvenoj de Katolikoj dum „niaj kongresoj."

Okulojn havante, ili ne povas vidi; orelojn havante, ili ne povas aŭdi; I. K. U. E.-anoj estante, ili faras nenion por nia oficiala organo. *Kompreneble* la redakcio ricevis *nenion!* Tamen oni rakontis al mi, ke en Berno okazis kelkaj katolikaj kunvenoj, eĉ funebra meso kun prediko. Feliĉe vizitis min iu ĉeestintino, F-ino VAN AMELSFORT, kiu, post peto miaflanke, promesis, el memoro, verki raporton, kiun ni espereble presigos en Novembro.

## S-ro CARLO BOURLET.

Fama matematikisto, efektiva samideano, granda pioniro de Esperanto, nobla viro, kies fideleco al nia kara afero estis neŝancelebla spite la malsamideanaj kalumnioj kaj ofendoj de certaj „Esperantistoj". Jen alia gravega perdo por nia movado. Kvankam li estis liberpensulo, ni neniam povis konstati netoleremon rilate al ni, Katolikoj. P-ro RICHARDSON altestimis lin. La redakcio de E. K., kun malĝojo pro lia foriro, adiaŭas simpatie kaj respektplene tiun ĉefon de Esperanto.

La bona Dio estu je li mizerikorda!

---

# Enketo de „Espero Katolika"

## pri la ekzistantaj naciaj kaj regionaj Ligoj de Katolikoj-Esperantistoj.

---

24 Septembro 1913 mi ricevis poŝtkarton el Anglujo, en kiu samideano petas informojn, skribante: „mi estas Kato-„liko kaj deziras esti membro de la katolika unuiĝo; ĉu „vi klarigos al mi, kion mi devas fari por aliĝi al la Asocio?"

29 Septembro 1913 mi ricevis leteron ankaŭ el Anglujo: „Mi ĵus sciiĝis pri la internacia katolika esperantista soci-„eto kaj mi deziras fariĝi membro. Ĉu vi faros al mi la „bonecon sciigi al mi la kondiĉojn, regulojn, abonon, el-„donojn, k.t.p.?"

Ofte ni ricevis tiaspecajn demandojn. Granda embaraso niaflanke! Kion respondi? Ekzistas, ni opinias, en Anglujo katolika Asocio, sed de longe ni aŭdis nenion pri ĝi. Kaj nia I. K. U. E. estas fakte nur nomo.

Ne bezone multe rezoni por komprenigi, ke estas absolute necese, ke ni estu informataj pri ĉiuj ekzistantaj Ligoj Katolikaj kaj pri iliaj adresoj, por ke estu eble efike respondi al la multaj leteroj informpetaj.

Kvankam ni preskaŭ ne plu havas kuraĝeton por iniciati iun aferon kaj por prepari nin al la tioma fiasko pro la ne kunlaboremo de niaj karaj katolikaj Esperantistoj, — ni tamen ankoraŭ unu fojon ekprovos. Eĉ ni proponas al ni, ne senkuraĝetigi nin per okazebla nova fiasko. Se la rezultato de nia suba enketo estos fiasko, ni intencas tuj poste enketi pri ĉiuj fiaskoj de I. K. U. E. depost ĝia stariĝo. Estus interesega; sed esperu ni, ke ne estu bezone.

***

*La efektive ekzistantaj* naciaj kaj regionaj Ligoj de Katolikoj-Esperantistoj bonvolu *akurate* respondi al ĉiuj demandoj (ankaŭ se oni devas respondi per „ne" aŭ „nescio"). La respondoj estos publikigataj en E. K. En la manuskripto oni ankaŭ metu la demandojn mem.

1. Ĉu en via nacio aŭ regiono ekzistas Ligo?
2. Kiun teritorion ĝi okupas! (ĝiaj limoj)?
3. Historieto pri ĝia starigo (mallonge).
4. Kiam starigita (jaro, dato, loko)?
5. Ĉu ĝi havas regule aprobitan regularon?
6. Ĉu ĝi kaj ĝia regularo estas aprobita de la Registaro?
7. Ĉu aprobita de la Episkop(ar)o?
8. Ĉu ĝi havas religian konsilanton, kaj se jes, ĉu elektitan de la Episkopo?
9. Kiamaniere la Ligo estas interne konstruita (lokaj grupoj — fakoj aŭ komisionoj — treege mallonga skemo de la regularo, k.t.p.)?
10. Kiom estas la deviga kotizaĵo por la membriĝo?
11. Kiom da *pagintaj* membroj ĝi havas hodiaŭ?
12. Kiu estas ĝia estraro, — ĝia sekretariejo aŭ adreso (tre legeble kaj precise) — ĝia sidejo?
13. *a.* Ĉu ĝi havas oficialan organon? — *b.* de kiam aperinta? — *c.* kiel ofte ĝi eliras (monate, dumonate, duonmonate k.t.p.)? —

*d.* kiom da numeroj jam eliris ĝis hodiaŭ? — *e.* la redakcio kaj administracio? — *f.* ĝia precisa adreso? — *g.* ĝia abonprezo. — *h.* ĝia proksimuma ekzempleraro?

14. Ĉu la Ligo aŭ ĝiaj membroj eldonis aliajn verkojn?
15. Rimarkindaj okazintaĵoj de post ĝia starigo ĝis hodiaŭ.
16. Ĉu la Ligo deziras aliĝi al I. K. U..E. kaj submeti sin al la regularo, starigota dum „Nia Kvina" en Lourdes 1914?

**Aldono.** Koncerne la katolikajn *lokajn* grupojn en landoj, kie ne ekzistas naciaj au regionaj Ligoj, ni petas adresojn kaj *mallongajn* sciigojn.

Ĉiujn respondojn adresu al: Redakcio de E. K.; D-ro SMULDERS, Udenhout (Nederlando).

---

# Kroniko de I. K. U. E.

---

## Katolika Movado en Katalunlando.

La gelegantoj de Espero Katolika konas jam per letero de nia amiko P-ro Pablo Plana, la sukceson de niaj festoj en Olot okaze la IV-a kongreso de la K. E. F. Post la entuziasmigaj paroladoj venas la korĝojantaj agadoj.

Ĵus stariĝis en la Seminario de Ĝerono nova grupo. *Studenta Juneco* estas ĝia nomo kaj P-ro D-ro Jozefo Casanovas ĝia fondinto. Plenumante mian oficon de ĝenerala sekretario de I.K.U.E. en Katalunujo mi hodiaŭ devas pri tio paroli.

Unue mi devas prezenti la pastron D-ro J. Casanovas. Li estas esperantisto de du jaroj dum kiuj li meze la konstanta studado de nia Esperanto neniam ĉesis labori por ĝia sukceso. Li estas juna, inteligenta, laborema; okupas la honoran oficon de profesoro en la Seminario de Ĝerono; estas li la prezidanto de ĝerona Espero, la sola propaganda grupo en Ĝerono: antaŭ ne longe li fariĝis profesoro diplomita de Esperanto: li kulturas samtempe la ĵurnalistajn inklinojn: en Olot nia *Kataluna Ligo de Katolikaj Esperantistoj* nomis lin, vic-prezidanto. Tuj kiam mi feliĉe konatiĝis kun li en enlanda kongreso de Tarrassa en 1912, mi fidis multe al lia altula agado. Tiam li malkovris al mi kelkajn siajn ekcelojn. Disvastigi Esperanton ĉe la seminarianoj kaj ĉe

la pastroj en Ĝerono. La unuan parton de sia programo li plenumis nun; mi scias ke li basas ja la fundamentojn por la dua.

*Studenta Juneco* estas la unua frukto de lia agado. Ĝi celas disvastigi Esperanton ĉe la seminarianoj en Ĝerono. Kiom da baroj trovis D-ro Casanovas por starigi ĝin! Sed la fina venko superas la ĝenantajn laborojn. Lia Episkopa Moŝto de Ĝerono D-ro Francisko de Llor, kiu de la komenco de nia katolika movado en Katalunlando akceptis bonvole esti Honora Prezidanto de nia Ligo, akceptas ankaŭ en tiu okazo la altan protektadon de la nova entrepreno. Ankoraŭ ĝin akceptas lia Rektora Moŝto de la Seminario. Preskaŭ ĉiuj la profesoroj entuziasmiĝis laŭ la celo de la grupo. Konsekvence al tiu grava helpo la seminarianoj eniris entuziasme en nia movado kaj la ĵus fondita grupo kalkulas jam 100 anojn en siaj listoj. Dum tiu somero D-ro Casanovas gvidas kurson en la seminario kaj komencos novan dum la oficiala kurso en Oktobro. La grupo akceptas honorajn kaj aktivajn membrojn, kiuj pere nia K. L. de K. E. aliĝas al I.K.U.E.

La adreso de la nova grupo estas. *Studenta Juneco.* — *Seminario Conciliar.* — *Gerona.* (Katalunlando).

Jen nun la nomoj de la estraranoj. *Religia Konsilanto.* D-ro J. Casanovas P-ro. — *Prezid.* Joaquim Costa. — *Vic-prezid.* Jozefo Rodo. — *Sekretario* Johano Ener. — *Vic-sekretario* I. Brugués. — *Kasisto* Elias Pigém. — *Voĉdonantoj = dekestroj,* I. Vila, J. Freixas, A. Burgas, A. Marcos, I. Marcé, E. Monells. A. Pastells, J. Bigorda, B. Font kaj M. Abras.

I.K.U.E. ŝuldas tiun gravan helpon al D-ro Casanovas. Ni esperas, ke lia agado pruntos argumentojn kaj fortojn al aliaj laboremuloj por starigi grupojn en la aliaj Seminarioj de nia lando.

Dum mi hodiaŭ proponas karajn dankojn kaj gratulojn por D-ro Casanovas, mi esperas ke baldaŭ mi povos informi al la legantoj de *Espero Katolika* pri efektiviĝo al la dua parto de lia programo t. e. starigo de pastra grupo.

***

Ĵus fondiĝis en *Valencia* nova katolika grupo. Ĝi sidas en la societo *Juventua Catolica* kaj estas frukto de la klopodoj de S-ro Manuel Millas. Adreso: Plaza Villarrasa 2, Valencia.

Kelkaj enlandaj amikoj interesiĝas pri la *Pilgrimo katolika al Romo.* Mi scias ke kelkaj intencas ĉeesti. Tamen mi bedaŭras, ke pro manko de detaloj oni ne povas fari pli efikan propagandon por niaj kongresoj. Domaĝe la cirkuleroj kaj propagandiloj alvenas ĉiam tro malfrue.

D-ro Joaquim COLL, Pastro.

Barcelono, 1 Aŭgusto 1913.

---

## „NIA KVINA".

La V-a internacia kongreso de Katolikoj- Esperantistoj de 1914 okazos en Lourdes (Francujo) antaŭ aŭ post la X-a Universala Kongreso de Esperanto en Parizo.

## La XXV-a Eŭkaristia Kongreso.

La Eŭkaristia Kongreso Internacia de 1914 okazos en Lourdes (Francujo), eble dum la Septembra monato.